


N-ro 41 1978/2 Junio 9-a jaro

# Kluba informilo de ELF–AREK

## ELF: Esperanto Ligo Filatelista

## AREK: Amika Rondo de Esperantaĵ – Kolektantoj




Phot. Postk. Ind. A. G., Wien I

**Ni bonvenigas la jenajn novajn membrojn:**

| | |
|---|---|
| Pierre Lemarchand<br>43, rue Desseaux | F-76100 Rouen, |
| André Debertonne | F-78000 Versailles,<br>9, rue du Vienne Versailles |
| Arno Laabs | D-3000 Hannover<br>Grünlinde 5 |
| Eric Revill | 14 Warrew Close,<br>GB-SK7 3HL Bramhall, Stockport |
| Zygmund Linke | PL-75-700 Koszalin<br>ul. Wojska Polskiego 7/3 |
| Franz Knoblach | D-8660 Münchberg<br>Jägerstr. 6 |
| W. J. Mets | USA 93110 Santa Barbara CA<br>4128 C Via Andorra |

**Nova adreso:**

| | |
|---|---|
| Angel Segura Peralta | Villahermosa, TAB<br>Apartado 175, Meksikio |
| Tibor Szabadi | H-8800 Nagykanisza<br>pf 66 |
| Jorge Tachauer | Santiago 11<br>Av. Montenegro 1572, Cilio |

**Stampobanko:**
Werner Heimlich, D-304 Soltau, Fröbelstr. 4
Aĉetas kaj vendas E-stampojn. Kontaktu lin aldonante por la respondo IRK.

**Glumarka Servo:**
Gaston Tremon, 31 Rue Turgot, F-87350 Panazol
Listigas novajn glumarkojn.

**Jara kotizo por 1978: 15 IRK**
Akceptas nur s-ro Paulsson. Bv. atenti, ke la IRK estas stampitaj en la maldekstra rondo!

---

Malnovaj informiloj estas haveblaj nur en kompletaj jarkolektoj. Po 10 IRK) Petu de s-ro Paulsson. Unuopaj specimenoj kostas po 4 IRK.

## Gumstampoj nepoŝtaj – atentu ilin!

Kutime ni ne tro atentas tiujn stampojn, kiujn uzas kongresaj organizaj komitatoj aŭ la estraroj de plej diversaj E-renkontiĝoj – kaj certe ni subtaksis la rolon, kiun ili povus ludi sur la kampo de la poresperanta propagando kaj kiel movadhistoriaj dokumentoj.

Tiajn gumstampojn jam uzis LKKoj de la unuaj Universalaj Kongresoj (i.a. mi havas tian de la IV-a en Dresden 1908).

Sub la manoj de spertaj filatelistoj el tiuj proletaj gumstampoj povas fariĝi filatele voloraj dokumentoj, se ilin akompanas koncernaj poŝtaĵoj, kiuj regule vojaĝis kaj nepre oni povas utiligi tiujn en filatelaj ekspozaĵoj por dokumenti E-kongresojn (au organizaĵojn).

En la polusa filatelo tiaj gumstampoj, oni nomas tiujn "Chachet", ludas tre grandan rolon.

Tial, geamikoj, ne ignoru aŭ bojkotu ilin, zorge konservu ilin kaj certe venos iam momento, kiam tiuj al vi aŭ al viaj samhobiaj amikoj donacos utilon kaj plezuron.

Ankau gumstampoj estas esperantaĵoj!




## Novmembroj atentu!

La klubanoj Lemarchand, Debertonne, Linke, Laabs, Knoblach, Mets, Foscolo, Tillemann, Szabadi kaj Koszeniak bonvolu sendi al la redaktoro sciigojn pri preferataj kolektinteresoj (ekzemple: pm, sta, glm, insignoj, libroj, kovertoj/poŝtkartoj, tutaĵoj ktp).

Tiujn informojn ni bezonas por nia adresaro. Ni memorigas la eblecon por niaj klubanoj, senpage aperigi anoncojn en nian informilon. Skribu pri viaj deziroj al la redaktoro.

## Bahnphilex '77

Nia amiko Wluka informis, ke 15–16.10.77 en Hannover /FRG okazis filatela ekspozicio de federacigermanaj fervojistoj. Partoprenis tri fervojistoj ankaŭ kun ekspozaĵoj pri E. Inter ili estis nia Werner Heimlich. Pri la rezultoj kaj la du aliaj mi ne ricevis sciigon.

## PAR AVION – Per aerpoŝto

La aerofilatelistoj en ĉiuj landoj tre ŝatas tiujn glumarkojn kaj eĉ ekzistas specialalaj katalogoj. Ni ĝis nun ne atentis pri tiuj modestaj glumarkoj, kiuj en lastaj jaroj ankaŭ aperis kun esperantlingvaj surpresoj. Volonte ni kompilus liston pri tiuj glm kaj ni petas vin, sendi al la redaktoro viajn duoblaĵojn.

Bonvenaj eĉ estas la "normalaj" nacilingvaj Par Avion – markoj de poŝto kaj aertransportaj societoj, kiuj kutime estas senpage haveblaj en ĉiu poŝta giĉeto.

Tiun peton ni ankau direktas al vi vide al nia plano, aperigi en la jubilea jaro de Esperanto pompan E-filatelan katalogon.

Viajn sendaĵojn ni povas reciproki per la aerpoŝtaj glumarkoj de la "Ziesing-filatelejo".




## H.F. Menges kaj glumarkoj

Ek de la jaro 1977 s-ro Menges membras en nia klubo kaj kun li ni havas viglan kaj spertan kunlaboranton en niaj vicoj.

Li mem projektas kaj presigas diversajn glumarkojn jam dum multaj jaroj Ekzemple:

1970 "E en Haarlem" (8 div. konstruaĵoj kun Zamenhof)
"Fidu la estontecon" (du infanoj)
"Fidu la estontecon" (ŝipo kun velo)
"E en Nederlando" (du folietoj kun 8 diversaj famaj statuoj en Nederlando)
1971 "TELEAC" por la tiam okazinta televida E-kurso lau peto de televida estraro
1975 48a SAT-Kongreso
1978 57a FLE-Kongreso (8 div. koloroj)

Tiuj kaj multaj aliaj glumarkoj havas profesian kvaliton, estas belaj kaj interesaj. Ni deziras al nia Menges, ke li povas daurigi tiun valoran fruktedonan agadon por la plezuro de niaj glumarko-kolektantoj kaj por la bono de nia Esperanto.






## Nia nova franca E-sta FRA 44

Mezuro: 49x20 mm
Tempo: 13.3–16.5.1978
Teksto: 1er CONCOURS de la CHANSON ESPERANTO 13. Mai 1978
Loko: CLERMONT FERRAND

La 70a nacia E-kongreso de niaj francaj samideanoj okazis ĉi-jare en Clermont-Ferrand, kaj la filatele tre viglaj kongres-organizantoj denove mendis reklaman mekanikan poŝtan stampilon.

Tiun stampon akompanas kelkaj kuriozaĵoj, kiujn endas mencii ĉi-loke sed ne nepre en katalogo.

- Plurdate mankas la urbonomo kaj la dato sub la ortangulo
- Ekzistas dekstraj tekstopartoj, anstatau la devigaj maldekstraj. (16.3)
- Du diversaj rondaj datstampiloj estas uzitaj: CLERMONT-FERRAND kaj CLERMONT FERRAND (sen la meza streketo)

Por ni E-filatelistoj estas nova, ke sub la ortangulo ripetiĝas urbonomo kaj dato. Tre laudinda novaĵo ĉe la franca poŝto ek de 1977.

Ke tia stampo povas esti unu el la plej ekonomiaj varbiloj, substrekas la fakto, ke ekz. pasintjare la stampo FRA 43 aperis 550 000-foje sur pk k kov.

## "Kaŝita" poŝta E-stampo

Doktoro Werner Bormann el FRG sendis koverton de UEA, kiu surhavis afrankstampon de tiu asocio kun la teksto "ROTTERDAM, Nwe Binnenweg 176, 3015 BJ", do kun la nova poŝtkoda cifero.

Bedaurinde el tiu stampoteksto ne diveneblas, ke temas pri sidejo de E-organizaĵo kaj eble la oficistoj en tiu asocio ankorau povus aldoni almenau la tri literojn "UEA", au ESPERANTO", nur tiam ĝi akiras propagandan valoron, kaj tian ankau povus enviciĝi en nian katalogon!

Kaj tamen: Kune kun la speciala koverto uzebla ĝi estas por niaj filatelaj ekspozaĵoj por povi filatele dokumenti tiun asocion. Ni do ne subtabligu tiun afrankstampon.

Endas ĉi-loke ankau mencii, ke antau kelkaj jaroj d-ro Bormann tre grave kontribuis al la afrankstampa parto de nia katalogo, ĉar estis li, kiu sendis sciigojn pri la multaj PILO-variaĵoj!

Eble niaj federacigermanaj klubanoj esploru la PILO-stampojn lastjare kaj aktuale uzitajn? Mi ne ricevas tiujn PILO-aĵojn kaj sekve ne povas katalogi ilin.

## La montrita Reko-etikedo

en 1977/4 estis reproduktaĵo de originalo, kiun sendis s-ro Mikulski al la redaktoro. Tiu fakto bedaurinde ne estis menciita en tiu informilo. S-ro Mikulski plie informas, ke li havas pliajn duoblaĵojn por interŝanĝo.

## Nova stampokatalogo

La nova, nun jam tria eldono de nia stampokatalogo, registras ĉiujn ĝis marto 1978 aperintajn poŝtajn E-stampojn.

Finfine ni sukcesis, kun la helpo de nia W. Simon, purigi la vicon de la brazilaj stampoj, apud kiuj ĝis nun ekzistis multaj dubindaĵoj. Li trovis specialan katalogon pri la brazilaj poŝtaj stampoj. Nature tio estis solida fundamento.

Nia klubano Amouroux trovis malnovan stampon de Nederlando, kaj sekve la pozicioj de tiuj nederlandaj stampoj iom aliiĝis.

Nia klubano Hirsch eĉ malkovris plian variaĵon de GER 1 (Nürnberg 1923), kiun ĝis nun ni ne rimarkis. Kun informoj pri la multaj novaj stampoj ni do nun disponas pri nova kaj pli ekzakta katalogo. Bedaurinde la katalogisto ne sukcesis, jam fine povi doni ekzaktajn informojn pri la uzitaj koloroj en Jugoslavio.

Suplemente ni trovas informojn pri la brazilaj TP-signoj, reko-glumarkoj, averton pri pluraj nepoŝtaj eldonaĵoj kaj fine liston pri la ĝis nun aperintaj E-pm. (Kun surpresitaj pm sur poŝtkartoj k aerogramo).

Bedaurinde, ke ne estis ebla, aldoni bildojn. Jam nun ni Esperanto-filatelistoj pripensu, kion ni aperigu okaze de la centjaro de Esp. Eble ni tiam aperigu pompan plenilustritan filatelan Esperanto-katalogon pri ĉiuj fakoj de la E-filatelo. (Pm, sta, UTK, tutaĵoj, k.a. ceteraĵoj)

Tiucele jam nun mi petas ĉiujn, sendi reproduktaĵojn pri tutaĵoj al mi por povi kompili kompletan ilustraĵon pri ĉi tereno. Originalojn bonvulo sendi nur post reciproka interkonsento.

Ankaŭ eblus, aranĝi "komunan ekspozaĵon" pri ĉiuj E-filatelaĵoj kaj ĝin prezenti en tiu jubilea E-Kongreso.

Krome mi proponus jam nun, okazigi jubilean E-filatelan ekspozicion "100 jaroj de Esperanto" en kunlaboro kun iu nacia filatela asocio.

Tie devus trovi lokon tiu "komuna ekspozaĵo", kaj la ekspozaĵoj de niaj klubanoj. Favorajn kondiĉojn por tia ekspozicio ni eble povus trovi au en Pollando, Hungario, CSSR au GDR.

Mi atendas viajn opiniojn k proponojn!

Nun ni revenu al nia nova katalogo kaj jen la listo pri la enhavo:

| | | |
|---|---|---|
| Argentino | 4 | |
| Aŭstrio | 19 | (+ 17 diversciferaj + 6 koloraj) |
| Belgio | 15 | (+ 1 variaĵo) |
| Brazilo | 27 | (+ 4 variaĵoj) |
| Britujo | 12 | |
| Bulgario | 7 | (+ 3 variaĵoj) |
| CSSR | 19 | (+ 1 variaĵo) |
| Dancigo | 2 | |
| Danlando | 8 | |

| | | |
|---|---|---|
| Finnlando | 5 | |
| Francujo | 44 | (+ 1 variaĵo) |
| Germanujo | 3 | (+ 2 variaĵoj) |
| GDR | 2 | (+ 2 variaĵoj) |
| GFR | 30 | (+ 3 variaĵoj) |
| Grekujo | 3 | |
| Hispanio | 20 | |
| Jugoslavio | 23 | (+ 4 variaĵoj) |
| Hungario | 62 | |
| Islando | 1 | |
| Italujo | 26 | (+ 2 variaĵoj) |
| Japanio | 21 | |
| Luksemburgo | 1 | |
| Monako | 1 | (+ 3 variaĵoj) |
| Nederlando | 15 | (+ 3 variaĵoj) |
| Norvegujo | 4 | |
| Pollando | 118 | (+ 11 variaĵoj) |
| San Marino | 2 | |
| Sovetunio | 22 | |
| Svislando | 8 | (+ 23 variaĵoj) |
| Usono | 2 | |
| Afranksta. | 14 | (+ 13 variaĵojn) |
| Aliaj sta. | 4 | |

Sufiĉe impona listo
La katalogo kostas 8 DM = 10 IRK kaj estas havebla ĉe Werner Heimlich, Soltau. Ni ne akceptas pm-seriojn kiel pago!

## Responde al "Stampo Krakow 1912"

La diskutado ĉirkaŭ tiu stampo ne finiĝas, nun nia membro Odon Horak skribas:

> "Kiam en la jaro 1972 ekestis polemiko kaj dubo pri tiu stampo en la 'FENIKSO' nro 23a mi skribis al la Internacia Esperanto Muzeo en Vieno petinte, ĉu la E-stampilo de Krakow 1912 troviĝas en la E-muzeo au en la Poŝta Muzeo.
> La respondo estis: ". . . nek ni nek la Poŝta Muzeo posedas tiun stampilon de la 8a UK."

Do: kie estas tiu mistera stampilo, kiu lau malnovaj fontoj troviĝas en la Poŝta Muzeo. Certe ni devas kontentiĝi pro tio, ke austra filatela faka sta-katalogo ĝin ankaŭ notas kiel ekzistanta kaj eĉ sufiĉe multekosta.

**ELF/AREK-kunveno en "Prago" 14-an ĝis 17-an de septembro 1978**
Sciigu vian partoprenon al la redaktoro. Burmeister.
Tranoktado vi devas mem prizorgi, eble pere vojaĝoficejo.

## Pri "HAGO 1920"

Amouroux skribas: "Ankau mi posedas karton kun la kongresa stampaĵo. Notindas, ke sur mia karto la stampo aperas dorsflanke. Jam antaŭ longe mi informiĝis kaj nederlando neesperantista fakulo asertis ke tiu stampo estas privata kaj ne poŝta. Mia karto estis enpoŝtigita ĉe la poŝtoficejo de la kongreso la 11an de augusto 1920. Detale mi serĉis en mia ampleksa dokumentaro pri la koncerna kongreso kaj nenie mi trovis aludon pri poŝta aŭ privata stampo. la demando pri poŝteco restas sed, persone, mi dubas ke la stampo estas de poŝta origino."

Kaj nia estimata Anna-Greta Strönne skribas: ". . . Mi posedas tiun stampon de Hago, ĝuste la sama ĝi estas kiel tiu en nia informilo montrita. La poŝta datstampo notas la daton de 9.8.20. Bedaurinde la kongresa stampo estas farita meze sur la skribitan tekston . . ."

La redaktoro Burmeister, (do mi), opinias, ke el ĝis nun konatiĝintaj faktoj ne eblas rigore nei poŝtecon de tiu stampo. Oni povas supozi, ke tiu stampo estis aplikita post la enpoŝtigo, dufoje ĝi troviĝas meze sur skribita teksto kaj unufoje sur la dorsflanko de la poŝtaĵo.

La posedantoj do bonvolu kontroli, ĉu estas rimarkeblaj kolornuancoj (diferencoj) inter la datstampo kaj kongresa stampo.

Memoru, ke niajn "poŝtkontorajn" stampojn ni trovis ankau nur en la lasta jardeko. Antaŭe nenio estis konata pri ili, ĉar neniu (kun esceptoj) montris troan intereson pri filatelaj fajnaĵoj.

## Nigra austra E-pm

Biesiada menciis en nia informilo ekziston de la nigrapreso de tiu pm kaj skribis, ke sur la folio troviĝas subskriboj de la autoroj.

Iuj opiniis, ke tiu afero estas de jaroj konata, dum aliaj ne sciis pri la afero. Ja eĉ nia antaŭ jaroj aperinta poŝtstampa katalogo ne notas tiun fakton.

Anna-Greta Strönne skribas, ke ŝi havas la nigran E-pm de Austrio, kiu gluas sur grandformata klariga folio (kiun verkis Raimund Cech), sed mankas la subskriboj de la autoroj, kiujn menciis B. Nun ŝi demandis, ĉu ŝi rajtas fieri pri sia posedaĵo au ne?

Do, la afero tute ne estas klara. Responde al s-ino Strönne mi povas ĝojigi ŝin kun la informo, ke ŝi rajtas esti fiera.

S-ro Chamaret (pri kiu mi delonge ne aŭdis) siatempe faris notojn pri tiu afero, kaj li prezentis tiun grandan folion kun surgluita briletanta nigra pm, kiun posedas s-ino Strönne.

La autoraj subskriboj ne ekzistas. Temas pri surskriboj de la nomoj de ambau autoroj sur la malsupra rando de la pm. (Presitaj)

Mi havas la klarigan folion, sed mankas sur ĝi la algluita pm.

Kiu el vi povas diri, kiom ĝi kostas lau katalogo?

## Ni gratulas al Gimelli!

Nia aktiva membro kaj amiko Germano Gimelli ricevis personan telegramon de la Ministerio por Transportoj de Italio kun tiu enhavo:

> "Estas por mi ĝojo informi vin, ke per dekreto de 2.6.1977 la Prezidanto de la Respubliko Italio disponigas je via favoro honorigon kiel 'Kavaliro' de la Ordeno je merito de la Itala Respubliko.
>
> Attilio Ruffino/Ministro"

Nia ELF-AREK-membraro peras korajn gratulojn al Germano Gimelli.

## PRAGA 78

S-ro Hasala proponas, ke nia renkontiĝo okazu en la du lastaj tagoj de la Tutmonda Filatela Ekzpozio. La rondo de interesuloj prigrandĝis kun s-roj Wasilewski kaj Mikulski el Pollando kaj Hasala/CS.

## Tremon – nia glumarkfakulo

klopodas zorgi pri katalogado de novaj porokazaj glumarkoj kaj certe endas sendi al li informojn pri novaperintaj glumarkoj.

Li intencas, daurigi la glumarkan katalogon de nia forpasinta amiko Jensen kaj jam pretigis aldonojn por la jaroj 1972 kaj 1973. Al interesuloj li sendas tiujn aldonojn kontrau tri IRK (nur maldekstre stampitaj!!)

Pri postaj eldonjaroj li kompilis provizorajn listojn, kiuj ankau estis troveblaj (kun aro da kompletigaj informoj flanke de nia redaktoro) en nia informilo.

Li serĉas ankorau informojn pri TIHVIN 1976, Festivalo en Kubo 1978, 60 jaroj Oktobra Revolucio kaj Pionira Taĉmento.

Bele afranktitan koverton kun la stampo FRA 44 li sendis en aprilo al ĉiuj ĝisdate konataj klubanoj, kiuj esprimis al la redaktoro sian intereson pri stampoj (kaj glumarkoj). Li esperas ricevi de la ricevintoj reciprokaĵojn.

En la aldonita cirkulero li opinias, ke eldono de glumarkoj estus malmultekosta afero. TIEL NE ESTAS! S-ro Menges ekzemple skribis: Se mi devintus pagi ĉiuj de mi aperigitajn glumarkojn, tiam mi estus nun tute malriĉa.

## "Poŝtmarko" ESPERANTUJO

Nia nova membro s-ro Koszeniak el Pollando demandas, ĉu la en Heroldo 12/1977 anoncitaj markoj de "Esperantujo- Kavalkaselle" estas poŝtaj?

Jam en nia nro 38 ni skribis pri la afero kaj atentigis, ke kaj la marko kaj la stampo estas nepoŝtaj, sed normalaj glumarkoj. Tiun informon siatempe sendis nia Germano Gimelli.

## Stampo HU 56

Nia kluba amiko Biesiada atentigas, ke tiu sta aperas kun la datoj 14a kaj 15a de majo 1977. Li montras dokumente al titola paĝo de nia n-ro 38 kaj skribas, ke ambau datojn li posedas. (La nova katalogo jam "scias" tion)

## Nia titola paĝo

hodiau prezentas al vi austran E-tutaĵon. Pri ĝi skribas Amouroux: "... Por noveldonitaj tutaĵoj la aŭstra poŝtadministracio kutimis (as?) nigre surpresi la vorton 'Muster' (specimeno) sur la propagandcele disdonitaj ekzempleroj. De la unua serio mi havas kelkajn malsamajn.

Mi opinias, ke tiajn specimeneldonojn ni povas konsideri samkiel nedentumitajn pm, sen afrankpovo – kaj sekve ne ekspoziciindajn.

## Demando pri alia austra tutaĵo

"... mi posedas austran poŝtan karton kun enpresita pm je 8 haleroj kaj presita reklamo de Wien-a E-grupo. Kiu scias, ĉu ĝi estas poŝta au ne?"

## Vana respondas al Amouroux:

"... Temas pri oficiale eldonita tutaĵo el la j. 1917 kun bildo de la lasta aŭstra imperiestro Karolo la Sesa en la enpresita pm. La alpreso pri la E-klubo en Wien estas privata, farita nur poste sur tiu oficiala karto. Do, io simila kiel ekzempel la svisaj E-tutaĵoj au karto pri enpreso pri renkontiĝo de E-sekcio en Opava au pri la Germana Esperanto Kongreso en Göttingen.

## Kotizi per IRK

Ni havas kauzon por atentigi, ke IRK, pere de kiuj oni intencas egaligi ŝuldojn, devas havi poŝtan stampon en la maldekstra flanko! Dekstre stampitaj, au tiuj sen stampo estas senvaloraj! Ne eblas, akcepti pm-seriojn, ĉar tiuj apenau estas vendeblaj! Vidu ankau nron 39!!!



## Nova "malnova" trovita!

Denove nia klubano Amouroux montris elstaran filatelan flarpovon, ĉar sub liajn manojn venis ĝis nun nekonata poŝta E-stampo.

La pozicion NE 12 nun okupas stampo kun la teksto:

**The Fifth Triennial Congress**
**Internationale Police Association**
**Amsterdam 67**
servo per amikeco

Amouroux peris fotokopion pri la trovitaĵo, kaj eble ni sukcesas montri ĝin pere de nia informilo al vi.




## Bonvolu kompletigi la pm-liston en 1978/1

| | | |
|---|---|---|
| 1962 Hungario | 1 Ft | IFEF-kgr |
| 1962 Hungario | 1 Ft | Sama sendenta |
| 1962 Pollando | 40 Gr | Poŝta karto |

## Esperanto-insignoj

Ni vere devus al ili dediĉi pli da atento ol ĝis nun. Tio koncernas speciale la t.n. kongresajn insignojn au tiujn de diversaj E-organizaĵoj. Al ni estas konataj insignoj de SAT, LEA, GLEA, SEA, IFEF, de UEA – kaj SAT-kongresoj, de IFEF – k. IKUE kongresoj, de naciaj kongresoj kaj multaj aliaj. En nia klubo pluraj geamikoj kolektas insignojn, sed oni apenaŭ trovas iuloke informojn pri novaj. (Au eĉ malnovaj) Por fari komencon, mi trarigardis miajn malmultajn k notas tiujn por vi. Faru vi la samon k sciigu tion al la redaktoro. Plej bone estus, se iu el ni fariĝus prizorganto de insigna fako kun la celo, kompili insignan katalogon. Intertempe ni aperigu sciigojn pri ili per nia informilo.

GDR – 1 rondo kun GERMANA KULTURLIGO – GDR
– 2 rondo kun KULTURLIGO – GDR
SVE – kvarangula kun SLEA
SU – triangula GIRULIAI 77
– kvarangula TIHVIN 1976
– okangula BET – X
HU – ŝaktoforma 26a hungerlanda E-kongreso
– ronda VINTRA ESPERANTISTA FERIO
BU – nacia kongreso en Tirnovo 1960
– nacia kongreso en Pleven
– nacia kongreso en Ruse 1976

Konsilo por poŝta ekspedo:
Tranĉu lau la insigna mezuro truon en dika kartono, enmetu ĝin k gluu ambauflanke paperstrion sur ĝi.

**Prezidanto de la ELF-AREK-Klubo:**
Ivar Paulsson, S-171 33 Solna, Algatan 3

**Redaktoro de la kluba informilo:**
Rudolf Burmeister, DDR 9033 Karl-Marx-Stadt, Wilhelm-Wolff-Str. 1, pk 95-39

Al li sendu informojn pri novaj kaj malnovaj ĉiuspecaj filatelaĵoj kaj glumarkoj, demandojn proponojn, kritikojn kaj laudojn.

---


Krantor DANZIG Pordego de l' gruo

Poſtkarte
Poŝtkarto




XIX.
UNIVERSALA KONGRESO
DE ESPERANTO

DANZIG, 28. JULIO — 4. AŬGUSTO 1927



**E-filatelaj sukcesoj**
Bartoŝik en TREBIC 77: Oro
Bartoŝik en TEMAFILA 77: Arĝento
Hadamek en Jablunkow 77: Arĝento
Hasa en TEMAFILA 77: Arĝento
Jakubec en TEMAFILA 77: Bronco
Koźiŝek en ZDAR 77: Bronco
Mikulski en SOZFILEKS 77: Mankas informo
Ni kore gratulas al la ekspozintoj!

**P.S. PRI 78/1**
Eble kelkaj membroj ricevis la informilon 2 foje pro la poŝta malfruigo. Se jes, uzu la duan ekz-on propagandcele.

I.P.